# ESPERANTO EN AFRIKO



Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA

Numero 14
(2010: 3)


*Karaj gelegantoj,*

*Jen denove via afrika bulteno, la 14-a numero, plena je eĥoj el Afriko, dediĉitaj al la movado kaj al unuopaj agadoj. La movado afrika pli kaj pli montras diversecon de opinioj. Tio, en si mem, estas tute bona por la evoluo kaj enradikigo de Esperanto en Afriko, se, kompreneble, homoj afrikaj akceptas, ke aliaj rajtas esprimi tute malsimilajn opiniojn. Afriko estas sendube unu el la kontinentoj, kie abundas diversecoj de kulturoj. Tiel estas neimageble, ke iu, ĉu afrikdevena, ĉu alikontinentdevena, permesas al si esprimi vidpunkton en la nomo de la tuta Afriko. Tiu ĉi bulteno ankaŭ ne pretendas esti kanalo por ĉiuj afrikanoj, kiuj deziras sin esprimi. Ĝi aperigas verkojn pri agadoj de homoj kiuj akceptas disponigi artikolojn siajn al la Afrika Oficejo de UEA. Al niaj gelegantoj, kiuj maltrafis antaŭajn numerojn, AO atentigas, ke tiuj numeroj estas rete alireblaj ĉe* www.esperanto-afriko.org, *sub la rubriko "Bultenoj".*

*La redaktantaro*

***

## BAZAJ PRINCIPOJ PRI KIEL KONTRIBUI AL EVOLUO DE LA AFRIKA MOVADO

Ofte vi ricevas petojn el Afriko fare de afrikaj esperantistoj. Tiuj petoj temas pri ĉio. Kiel decidi, kiun peton plenumi kaj kiun ne plenumi?

Estas facile. Unue konsideru la peton. Se ĝi rilatas al Esperanto, ĝi estas principe plenuminda. Se ĝi rilatas nur al individua(j) homo(j) kaj se ĝi estas fantazia rilate al la petata sumo (ekz. 5 000 eŭroj), vi prefere tuj forgesu pri ĝi.

Se ĝi estas realisma kaj rilatas al Esperanto, provu respondi rekte al la peto. Se oni petas monon por aĉeti lernolibrojn, bonvolu sendi la helpon en formo de lernolibroj. Se oni petas revuojn aŭ legolibrojn, bonvolu sendi rekte revuojn aŭ legolibrojn.

En Afriko estas multaj junaj homoj, kiuj deziras legi librojn en Esperanto. En aliaj kontinentoj estas multaj libroj en Esperanto sed malmultaj homoj, kiuj legas ilin. Ni kunmetu la du aferojn.

Se vi havas dubojn pri tio, kion vi faru, simple skribu al la Afrika Oficejo de UEA: BP 416, Lokossa-Mono, Respubliko Benino; tel: +229 22 41 02 29; rete: afrika.oficejo@gmail.com.

## AFRIKO DUM UK EN KUBO

La Afrika Komisiono estis reprezentata en la Movada Foiro, kaj centoj da folioj estis disdonitaj al interesiĝantoj. Sur la tablo estis montrataj ankaŭ kelkaj libroj de afrikaj esperantistoj. Malantaŭ la tablo deĵoris Miguel Faria de Bastos, kiu intertempe vivas tutan jaron en Angolo, kaj do iĝis funkciulo de la movado en Angolo.

Okazis ankaŭ la tradicia kunveno de la Afrika Komisiono de UEA. Ĉeestis kvindeko da homoj, kaj oni parolis kiel kutime pri pluraj aspektoj de la agado por Esperanto en Afriko. Nun ni bezonas rekolekti niajn fortojn por rekomenci nian agadon por la venonta jaro. Ĉi tiu laborjaro finiĝos per granda seminario en Burundo fine de aŭgusto.

*Renato Corsetti*

## TRICELA AFRIKA VOJAĜO (TOGOLANDO KAJ BENINO)

De pli ol sep jaroj mi vizitas Afrikon, precipe Beninon, dumsomere. La ĉefa celo de tia vizito estas precipe familia, kaj due Esperanta. La celo de la ĉi-jara vizito estas tute aparta, ĉar ĝi estas ne nur familia kaj Esperanta, sed ankaŭ profesia. La kanada federacio de geinstruistoj devis sendi kvar profesiajn geinstruistojn al Gvineo (Konakrio), sed pro tiea nestabila politika situacio, ni finfine devis iri al Togolando. Dum kvar semajnoj okazis interŝanĝo de profesiaj spertoj kadre de novaj strategioj por instrui al geknaboj. Geinstruistoj en Togolando havas sendube gravajn kvalitojn, kaj sekve ili ne bezonas multon lerni de siaj gekolegoj el Kanado. Tamen, simile al multaj geinstruistoj en malriĉaj landoj, ili instruas en kondiĉoj tute neimageblaj por kolegoj el Kanado: instrui al pli ol 60 gelernantoj dum unu horo estas neimageble por kanadanoj. En tiu senco, gratulon al niaj kolegoj togolandaj. Malgraŭ tiu sindediĉo al instruado, restas multo por fari kadre de deca konduto taŭga por la instruista profesio. Inter la temoj pridiskutitaj estas eroj rilate al egaleco inter inoj kaj viroj, al aidoso, al speco de rilato inter instruisto kaj ties gelernantoj, ktp. Estas facile rimarkeble, ke estas ege malmulte da inoj inter instruistoj de sciencaj fakoj kaj de matematiko. Ni supozas, ke verŝajne la instruistoj, ĉefe viroj, ne kuraĝigas la knabinojn interesiĝi pri tiaj fakoj, aŭ eble la instruistoj ne sufiĉe regas strategiojn kadre de la nova pedagogio: ĉiuj gelernantoj povas sukcesi. Kompreneble, homoj ne facile pretas ŝanĝi pensmanieron akiritan de jarcentoj kaj pravigitan de tradicia socia ordo: instruisto estas tutpotenculo



kiu ĉion scias, kaj la gelernantoj devas nur lerni. Alia plej tikla kaj ĝenoplena afero estas la speco de la rilato inter instruistoj kaj iliaj gelernantoj, ĉefe en la duagrada lernejo. Kiel kuraĝigi knabinojn adoleskajn interesiĝi pri sciencaj fakoj, kiam tiuj knabinoj kelkfoje iĝas koramikinoj de la instruistoj? Havi tian rilaton kun sia lernantino estas ja kontraŭleĝe en multaj afrikaj landoj, sed en la realeco, multaj junaj instruistoj ankoraŭ senĝene tiel kondutas. Kiel tia konduto flanke de instruisto povus kuraĝigi knabinon lerni?




Post plenumo de la profesia tasko en Togolando, mi survojis al Benino, kie troviĝas la Afrika Oficejo de UEA, lernejo Jules Verstraeten kaj familio mia. Estis kvazaŭ kontrolvojaĝo pri tiu oficejo, ĉar mi kaptis la okazon por reordigi aferojn kaj diskuti kun tiea volontulo pri tio kio estas plibonigenda. Mi disponigis duan komputilon (malnovan porteblan) kaj 15 dulingvajn poŝvortarojn kaj 30 etajn reklamkalendarojn kun kurseto en Esperanto. La AO-volontulo sufiĉe bone progresas. Ideale estus, ke li ankaŭ prizorgu preparon de la bulteno *Esperanto en Afriko*, sed pro teknikaj kialoj kaj la kvalito de la retligo, li ne akiris sufiĉan konon por okupiĝi pri tio. Mi do daŭrigos dum plia jaro la plenumadon de tiu tasko.

Ĉiusomere en la lernejo Jules Verstraeten okazas ludoj (futbalo, volanludo ktp), ĉe kiuj premioj estas disdonataj. Gelernantoj de aliaj lernejoj de la regiono ofte partoprenas. La ĉi-jaraj ludoj okazis en Aguidahoue, la vilaĝo de mia patro. Kunportitaj donacoj el Kanado estis disdonitaj, kaj kelkaj gelernantoj de la lernejo Jules Verstraeten ankaŭ ĉeestis. Post la ludoj sekvis analizo de la rezulto de gelernantoj kiuj eventuale ankoraŭ meritas subtenon financan por la lernojaro 2010-2011. Estas menciinde, ke de ses jaroj geknaboj sukcesintaj el la lernejo Jules Verstraeten, kiuj devus daŭrigi en la duagrada lernejo, ricevas financan apogon de homoj, esperantaj kaj neesperantaj, ĉu el Eŭropo, ĉu el Kanado. Profito akirita pro vendo de miaj tri libroj (*Paŝo senelirejen*, *Dialogo inter surduloj*, *Aventuro en mondo de ŝajnigado*) ankaŭ kontribuas al subteno de tiaj geknaboj. La infanoj en la lernejo Jules Verstraeten ne bezonas apartan financan subtenon, sed nur kiam ili devos iri al la duagrada lernejo, tiam ili devos pagi. La volontulo ĉe AO, André Gokan, estas unu el tiuj geknaboj, kiuj daŭrigis ĉe la duagrada lernejo pro tia helpo. Ĉar oni instruas Esperanton kiel nedevigan fakon en la lernejo, multaj el tieaj geknaboj scipovas Esperanton. Por pliaj informoj, vi povas tralegi la retpaĝon www.educ-etre.org kun ligo al esperantlingva paĝaro.

*Jean Codjo*

# AGADE TRA AFRIKO

- **Togolando**

**Verdaj paŝoj en Nukafu**

1995-2010: Esperanto-klubo Unuiĝo de Verdaj Amikoj (UVA) fariĝas 15-jara! Okaze de tio kaj kadre de dumferiaj aktivaĵoj, UVA aranĝis en Lomeo vesperan kurson por komencantoj, informrenkontiĝon kun ĵurnalistoj kaj komunan kunmanĝon, de julio ĝis septembro 2010.

La lingva kurso, kiel tradicie, okazis dum la tuta monato julio. Sep partoprenantoj lernis, escepte de dimanĉoj, po du horojn ĉiutage pri la bazoj de la internacia lingvo laŭ la Zagreba Metodo, materialo kiun ni kutime uzas por komencantoj franclingvaj. La kurso okazis en la sidejo de UVA en la kvartalo de Nukafu, kaj mi gvidis ĝin helpe de du progresintaj klubanoj.

Alikadre, la 8-an de aŭgusto kaj konforme al la regularoj klubaj, elektiĝis dum ordinara asembleo por dujara mandato nova estraro, konsistanta el la jenaj tri personoj: prezidanto Adjévi Adje, sekretario Aholou Agbenyigan kaj kasisto Nyinévi Tété-Badu. Stariĝis ankaŭ komisiono de du sinjorinoj, Yawa Amegadze kaj Constance Nyamakou, por prepari la kluban datrevenon.

La kulmino de tiuj ĉi agadoj estos la 15-a de septembro, la dato en kiu Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE) oficiale akceptis UVA kiel aliĝintan klubon. Dum la tago estas antaŭvidata interalie diskutrondo kun ĵurnalistoj pri la Zamenhofa lingvo kaj pri la ekzisto kaj atingoj de la klubo. La tagon kronos komuna kunmanĝo, kun estraranoj de UTE kaj enlomeaj geesperantistoj kaj amikoj kiel invititoj.

*Adjévi Adje*

- **Kongolando**

**Protokolo de la estrarkunveno de DKEA**

La unua kunveno de la nova estraro de Demokrata Kongolanda Esperanto-Asocio (DKEA) okazis la 10-an de aprilo en Yasa n-ro 70, komunumo de Bumbu Kinŝaso, gvidata de la prezidanto de la asocio, s-ro J. P. Lungikisa. Ĝin partoprenis :

– s-ro J. P. Lungikisa Sumbu, prezidanto
– s-ro Victor Lufimpu Lukolama, unua vicprezidanto
– s-ro Arlain Kizeyidioko Mayinda, ĝenerala sekretario
– s-ro Evariste Munuku wa Mulongo, kultura konsilanto
– f-ino Nelly Masemi Mbemba, kasistino

Kvar punktoj estis enskribitaj en la tagordo :

1. Informletero
2. Pri juraj dokumentoj
3. Pri instruado
4. Diversaĵoj

*1. Informletero*

La estraro opiniis ke informletero estu sendata al la kluboj, fakaj asocioj kaj la unuopuloj por ilin informi pri la urĝa kunveno de la 9-a de aprilo 2010, kies balotado donis al la estraro trijaran mandaton por gvidi la E-movadon en RD Kongo. La komitato petis al la kluboj, al fakaj asocioj kaj al unuopuloj sendi agadraportojn kaj membrolistojn. Estis notite ke tiuj raportoj atingu la sekretarion antaŭ la fino de la monato aprilo.

*2. Pri juraj dokumentoj*

Post debato, evidentiĝis ke antaŭ ol pensi pri jura agnosko, la estraro devus antaŭe pretigi la statuton kaj poste, kiam eblos, fari klopodojn por havi juran agnoskon. Tial estis decidite ke la statutoprojekto estu ellaborita de komisiono konsistanta el f-ino Nelly Masemi, s-ro Kizeyidioko Mayinda, s-ro Evariste Munuku kaj s-ro Ndute Yango Fortino. Kvankam la komisiono ellaboros la statutoprojekton, estis unuanime decidite ke ĉiu membro kiu havas proponon, kontaktu la komisionon. Ĝi kunvenos sabaton, la 24-an de aprilo, por pritrakti la statutprojekton.

*3. Pri instruado*

En sia funkcio de prezidanto de la landa sekcio de ILEI, s-ro Lufimpu Lukolama estas la plej taŭga persono por paroli pri instruado. Li opinias ke la klubo estas kaj restas la agadkampo por la instruado. ILEI estas respondecigita akompani la klubojn, pristudi kune kun ili malsamajn instrumetodojn, kaj scii kiaj libroj estas uzataj en ĉiu klubo. Menciindas ankaŭ ĉi tie ke laŭ sperto, evidentiĝis ke *Junulkurso* estas la plej praktika libro por komencantoj.

*4. Diversaĵoj*

La malnova komitato ne bone funkciis kaj fiaskis pro malofteco de la kunvenoj. Pro tio ĉiuj unuanime decidis ke la nuna komitato devas kunsidi ĉiusabate ekde la 16-a gis la 18-a horo. F-ino Nelly Masemi informis la kunvenintojn ke ŝi havas kontakton kun Germain Pirlot pri "Radio espéranto en marche".

Ankaŭ s-ro Lufimpu informis pri kontakto, kun Vinilkosmo. De tiu kontakto naskiĝis kontrakto de publikigo de muzikalbumo de la kongolanda grupo "Espero". Cetere, la grupo estas preparanta la filmadon de muzikvideeto. Komencite je la 16-a, la kunveno finiĝis je la 18-a.

*Arlain Kizeyidioko, ĝenerala sekretario*

- **Burundo**

La 10-an de aŭgusto okazis la finjara festo de esperantistaj lernantoj de la liceo de Gasanda. La festo komenciĝis je la 14-a posttagmeze kaj finiĝis je la 19-a kaj duono vespere. Estis 72 homoj, kiuj partoprenis tiun feston. El ili estis kvar neesperantistoj (lernejestroj de la liceo), du estraranoj de la landa E-asocio ANEB el Rumonge (mi kaj Pamphile) kaj 7 reprezentantoj de aliaj E-kluboj de la regiono. Kiam la festo komenciĝis, unu el la organizantoj bonvenigis ĉiujn partoprenantojn, dezirante al ili la plej bonegan kaj belegan restadon. Antaŭ la komenco de la manĝado preĝis iu alia homo. Sur du tabloj troviĝis multaj kaj diversaj manĝaĵoj. Unu post la alia metis en teleron kion li/ŝi volas manĝi, kaj iris sidiĝi sur benko aŭ seĝo. Dum la manĝado, oni ankaŭ disdonis dolĉajn trinkaĵojn kaj teon, kaj oni aŭskultis kaj rigardis religiajn muzikprezentojn.

Poste venis tempo de paroladoj de diversaj homoj. La prezidanto de la E-klubo de Gasanda denove bonvenigis la festajn partoprenantojn. Li daŭris parolante pri la funkciado kaj evoluo de la klubo. Li informis nin, ke la klubo havas 68 aktivajn esperantistojn, kiuj lernas la lingvon dufoje semajne: marde kaj vendrede dum du horoj. Pro la aktiveco de esperantistoj de Gasanda, kelkaj membroj jam fondis aliajn E-klubojn en lernejoj de la regiono, kaj partoprenis en la festo po unu esperantisto el tiuj kluboj. Ekzemple, en la mezlernejoj de Nyagasaka, Kajabure, Murambi, Kivoga, Kibasha, Bururi, Mubuga troviĝas kluboj fonditaj de gasandaj esperantistoj. La prezidanto diris, ke en la liceo estas futbala teamo de esperantistoj, sed la ludo ne plu ofte okazas pro manko de pilko, kvankam intertempe Johan donacis unu. Bedaŭrinde ĝi jam difektiĝis. La prezidanto poste dankis la geedzojn Svetlana kaj Johan, kiuj vizitis kaj donis la pilkon al la teamo. Li esperas, ke aliaj bonkoraj eŭropanoj helpos ilin. Li ankaŭ informis, ke en tiu liceo esperantistoj havas kantinon.

Oni vendas paperojn, skribilojn, avokadojn, bananojn ktp. Finfine dankvorto estas adresita al ANEB pro ties ĉiama subteno.

Post la unua parolado sekvis tiu de la direktoro de la liceo. Unue li dankis la esperantistojn, kiuj lin invitis, kaj trankviligis la Esperanto-komunumon pri ĝia disponiĝo daŭre kontribui al la evoluo de la movado. Li bedaŭras, ke li ankoraŭ ne lernas la lingvon pro manko de tempo, sed promesis ke li tion baldaŭ ekfaros. En la liceo alia klasĉambro pli granda baldaŭ disponiĝos por Esperanto-kurso.

Je la nomo de ANEB, Pamphile, la kasisto de nia landa asocio, unue dankis la preparintojn de la festo. Li ankaŭ dankis ĉiujn esperantistojn kiuj planis la feston kaj kontribuis al ĝia okazigo. Li kaptis la okazon por sciigi pri okazigo de seminario en Bubanza. Li ankaŭ anoncis pri eventuala alveno de la svisa esperantistino Mirejo, kiu tre verŝajne instruos kaj ekzamenos. La parolado de Pamphile kaptis la atenton de la direktoro de la liceo, tiel ke li proponis, ke venonta seminario okazu en Gasanda. ANEB pristudos la eblon okazigi ion tian en tiu regiono.

*Hasano Ntahonsigaye*

- **Benino**

**Lerneja festo en Koĝi**



Kiel kutime kaj ĉiujare estas organizita en la lernejo Jules Verstraeten de Koĝi lerneja festo. Tio ofte okazas je la fino de la lernojaro. La ĉi-jara festo okazis kunlabore kun du kluboj de la vilaĝo, nome “Egaleco” kaj “La Renaskiĝo”, en dimanĉo, la 25-an de julio. Dum la tuta tago okazis Esperanta kurso, diversaj ludoj, prezentado de kantoj kaj poemoj. Sub la superrigardo de Pierre Houenavo, helpe de aliaj esperantistoj, la tuta afero glate iris. Helpis la aranĝon sukcesi subvencio disponigita de la landa asocio de Benino al kluboj, kaj materialoj donacitaj de esperantistoj kiel Agnes Geelen, Sabine Hauge, Ana Montesinos, Jean Codjo, Symoens Margaretha kaj Zsofia Korody. Indas noti, ke estis relanĉita Esperanta somera kurso por tiuj kiuj elektis resti en la vilaĝo anstataŭ ferii en grandaj beninaj urboj. Multaj geknaboj nun lernas la lingvon ekster la lerneja programo; sed ĉiumerkrede okazos ekde oktobro kurso en la lernejo dum la normala kursperiodo. La projekto pri la ĝardeno progresas, la konstruo de Esperanta kultura centro same progresas. La vilaĝanoj uzas lokajn materialojn. Espereble ni akceptos niajn unuajn eksterlandajn gastojn dum la baldaŭaj venontaj jaroj.



*Pierre Houenavo*

• **Angolo**

Angola Esperanto-Asocio (AngEA) organizis la 31-an de julio en Luando, la ĉefurbo de Angolo, renkontiĝon okaze de la 123-a datreveno de la lingvo Esperanto. La saman tagon, dum la evento, AngEA prezentis por la unua fojo la novan sporton *tchoukball*, per donaco de la brazila esperantisto Julio Caregali al la publiko kaj al la kulturaj kaj sportaj aŭtoritatoj de Luando. La evento havis du partojn. La unua estis kultura, kun recitado de poemoj de nia prezidento Agostinho Neto, "Ni devas reveni" kaj " Vojo al l´arbaro", dialogo en Esperanto farita de gelernantoj de la kristana kolegio Papa Vosi, kaj ekspozicio de esperantaĵoj. La dua estis *tchoukball*-maĉo, ĉe kiu la teamo "TC Esperanto" venkis. Inter la partoprenantoj estis konsilanto sendita de la kultura ministerio. Partoprenis ankaŭ la municipestro de Kilamba.

*João Marques Ernesto Paulo*

## ESPERANTO KAJ AFRIKANOJ




**Joseph Dossou**: Mi estas esperantisto el Koĝi, Benino. Mi komencis lerni la lingvon kun mia instruisto Pierre Houenavo en la jaro 1999. Nun mi iras al duagrada lernejo en Lokossa. Mi daŭre lernas ankoraŭ Esperanton kaj helpas la volontulon de la Afrika Oficejo de UEA. Mi eĉ loĝas en la oficejo kun la volontulo. De kvin jaroj, la fondaĵo Mondo de la germano Martin Schäffer pagas lerno-koston por mi. Tiun fondaĵon subtenas esperantistoj el Eŭropo. Esperanto multe ŝanĝis mian ĉiutagan vivon, ĉar per ĝi mi havas multe da informoj pri aliaj landoj kaj homoj. Mi nun estas 17-jara.

**Norbert Sadohoundé**: Mi estas 16-jara. Mi frekventis la lernejon Jules Verstraeten en Koĝi, kie oni instruas Esperanton. Tie okazis ne nur ke mi eklernis Esperanton, sed ankaŭ ke danke al kontribuo de esperantistoj oni konstruigis la lernejon. En la duagrada lernejo mi daŭrigis danke al financa helpo de esperantistoj el Germanio. Post du jaroj mi finstudos ĉe la duagrada lernejo kaj supozeble mi daŭrigos ĉe la universitato. Mi kelkfoje volontulas ĉe la Afrika Oficejo de UEA en Lokossa. Nun mi eĉ havas biciklon por viziti Koĝi dum semajnfino, danke al esperantistoj germanaj (Sabine kaj Pit tra la fondaĵo Mondo). Do, Esperanto ludas gravan rolon en mia vivo. Sen Esperanto, mia vilaĝo Koĝi ne havus lernejon, por ke mi povu ricevi taŭgan edukadon. Vivu Esperanto!



- **Helpo al orfoj kaj infanoj en malfacila situacio**

Projekto NABOUBA en Benino – 1-a semestro 2010

La kontribuoj de donacantoj kolektitaj en la 1-a semestro 2010 egalis entute al 8 149 eŭroj. La 5-an de januaro 2010 estis al la direktoro de la orfejo Felicien MICHIFAN transdonita kontanta antaŭpago por la 1-a semestro 2010 en la sumo de 1000 eŭroj (kio respondas al 656 000 okcident-afrikaj frankoj), kaj la 15-an de aprilo estis ĝiritaj al la konto de la orfejo la restantaj kontribuoj, je 7 149 eŭroj (en Benino ili estis enskribitaj la 19-an de aprilo). El la tuta sumo de 8 149 eŭroj estis 3 769 eŭroj por la tuta orfejo sen distingo de celo, kaj 4 380 eŭroj de patronoj por specifaj infanoj (po 90 eŭroj por infano dum duonjaro, kaj en la kazo de du knabinoj kun sanproblemoj, kiuj bezonas ekzamenojn kaj sekvan terapion, 180 eŭroj duonjare; patronino de 1 infano sendis por sia infano kromajn 60 eŭrojn). En la 1-a semestro havis sian patronon entute 46 infanoj, kaj tio signifas, ke kompare kun la 2-a semestro 2009 estis trovitaj 4 novaj patronoj. Por ĝeneralaj celoj estis kolektitaj 837 eŭroj pli ol en la 2-a semestro 2009.

Kiel estis menciite jam en la antaŭa raporto pri la periodo de la 1-a de julio 2009 ĝis la 10-a de januaro 2010, la infanoj ricevis en la 2-a de januaro 2010 kolekton de vestaĵoj (23 kg) dum la kontrolvizito de Vlaďka Chvátalová en Benino, dum kiu ankaŭ estis kontrolitaj elspezoj de la orfejo kaj estis verkita plano de bezonoj kaj plua procedo por la venontaj periodoj.

Kiel interkonsentite fine de la 1-a semestro 2009, okaze de la mono por kelkaj infanoj, kiuj ne vivas en la orfejo mem, la tuta sumo destinita al tiuj infanoj estis transdonita rekte al iliaj patrinoj kontraŭ skriba konfirmo. En la 1-a semestro 2010 temis entute pri 4 infanoj. La mono estis rekte transdonita ankaŭ al unu pli aĝa knabo, kiu finis preparadon por profesio de ŝoforo – en la 2-a semestro 2010 li devus ricevi sian lastan kontribuon kaj eklabori, kaj lia patronado estos ĉesigita.

El la orfejo regule alvenas informoj pri malsanaj aŭ vunditaj infanoj. La periodoj de malario estas ĉiam la plej malfacilaj, sed danke al la financa helpo eblas aĉeti medikamentojn, kaj sekve ankaŭ en la 1-a semestro 2010 ĉiuj infanoj resaniĝis. La 9-an de majo 2010 vizitis la orfejon nia loka kunlaboranto Charles Alofa, kiu poste sendis raporton.

Li konstatis, ke estis realigitaj multaj plibonigoj:
- En dormejoj estis ŝanĝitaj plafonoj.
- En ĉiu ejo estis kreita ankoraŭ po unu fenestro (ĉefe por ebligi naturan aerumadon).
- Estis farbitaj muroj ene kaj ekstere.

Tamen restas ankoraŭ pluraj taskoj:
- Je dispono nun estas 10 du-etaĝaj litoj (2 litoj pli ol januare); ĉiuj inkluzive de la novaj havas matracon.
- Mankas ankoraŭ moskito-retoj en la fenestroj kaj por ĉiuj litoj.
- Mankas ŝranketoj por ĉiu infano (por vestaĵoj kaj lerneja materialo) kaj tabloj kaj seĝoj (por skribi hejmtaskojn).
- Necesas finsolvi defluigan sistemon uzeblan dum pluvsezonoj. Nuntempe akvo restas en la korto, kvankam jam ekzistas gutrandoj, kiuj defluigas akvon el tegmentoj ekster la ejon.

Laŭ la direktoro laboroj en la ejo estas daŭrigataj. En unu el siaj juniaj retmesaĝoj li informis, ke la fenestroj kaj pordoj nun havas retojn, kaj ke por ĉiuj litoj kaj infanoj, kiuj ankoraŭ dormas sur matoj, nun estas je dispono moskitoretoj.

Sisteme estas farataj sangoanalizoj por ĉiuj infanoj (sangogrupo, hepatito B kaj C, TPHA, VDRL–sifiliso). En la proksima estonteco devus esti faritaj ankaŭ analizoj por HIV/aidoso. La rezultoj de analizoj estis montritaj en loka hospitalo kaj prikonsultitaj (en la unua grupo de la infanoj estis 1 testo TPHA pozitiva/samtempe VDRL negativa, 1x B+C pozitiva, 3x C pozitiva). Bedaŭrinde en Benino ne haveblas medikamentoj, el kiuj povus eventuale rezulti plena resanigo, sed nur medikamentoj por mildigi dolorojn. Ni pluserĉos solvon.

Se temas pri kvalito de nutraĵoj, granda fonto de vitaminoj kaj aliaj gravaj substancoj povus esti la loka planto *moringa oleifera* ("mirakla arbo": http://en.wikipedia.org/wiki/Moringa_oleifera), pri kiu multaj organizaĵoj agantaj kontraŭ subnutrado havas bonajn spertojn. Estis plantitaj unuaj plantoj sur areo de 900 $m^2$. Eblus ekzemple prilabori foliojn kaj produkti fajnan pulvoron, kiu estus ĉiutage aldonata en manĝaĵojn. La ĝustan manieron de prilaborado ni ankoraŭ devas eltrovi – verŝajne sufiĉas sekigi foliojn kaj pulvorigi/dispisti ilin. Ni pritraktas partoprenon en la projekto "Plantu arbon" (http://take.esperanto.free.fr/plantu/eniroEO.html), kiu estis planita por la orfejo Nabouba jam en pasinteco, sed finfine ne plene efektiviĝis. La direktoro nun klopodas ekhavi grundon, sur kiu eblus krom *moringa* planti ankaŭ fruktarbojn.

Ĝis la fino de 2010 devus viziti la orfejon almenaŭ unufoje Charles Alofa por atesti daŭrigon de la projekto, kaj Vlaďka Chvátalová planas vojaĝon al Benino verŝajne por la mezo de januaro 2011 (je propraj kostoj), dum kiu okazos pli detala kontrolo.

*Vlaďka Chvátalová, nome de la projekto*

## LITERATURO

**Esperanta literaturo riĉiĝis danke al benin-kanada esperantisto**

**Aventuro en mondo de ŝajnigado.** Jean Codjo. Antverpeno: Flandra Esperanto-Ligo, 2009. ISBN 978-90-77066-42-3. Broŝurita, 44 paĝoj.




Tiu ĉi malgranda 44-paĝa novelo de Jean Codjo, beninano nun loĝanta en Kanado, traktas la aventuron de Jeko, kiu migras en Eŭropo kaj Nord-Ameriko for de sia vilaĝo afrika.

Kvankam la aŭtoro pentras la mondojn eŭropan kaj nord-amerikan kiel mondojn de ŝajnigado kaj de iluzio, Jeko elektas loĝi, amindumi kaj labori en tiu mondo anstataŭ reiri al la perdita paradizo. La romano sugestas ke ju pli oni estas for de la origina naskiĝloko, des pli ĝi aspektas kiel tia paradizo. Tamen la aŭtoro ankaŭ asertas ke homoj povas adopti novajn sistemojn, vivmanierojn, pensmanierojn, kaj finfine, kiel li skribas: "La surtera paradizo povus esti ĉie kaj samtempe nenie."

Bele skribita, en lingvo facile komprenebla de meznivelaj studentoj de la lingvo. Tamen, kiam alineo ampleksas pli ol tutan paĝon, tio povas malkuraĝigi leganton pro manko de spaco, de aero, de spiro.

*Guy Matte (el* Lumo*, bulteno de Kanada Esperanto-Asocio)*

**Noto:** Profito pro vendo de tiu libro helpas geknabojn de la vilaĝo Koĝi en Benino iri al duagrada lernejo.

# EL NIA LETERKESTO

- **Esperanto-kurso ĉe *Facebook* en la malagasa**

Karaj geamikoj,

Mi ĝojas informi vin pri tio, ke mi ĵus enmetis ene de *Facebook* la unuan Eo-lecionon en la malagasa lingvo. Vi povas trovi la Esperantan paĝon skribante "Esperantista Malagasy" en la serĉilo. Kvankam mi havis iom da problemoj rilate la enŝovadon de la kurso (mi uzis PDF-formaton, kiun ne eblas enmeti tien; mi preparis tabelojn sed ili malaperis !), mi esperas ke la tuto estas sufiĉe bone komprenebla. Cetere mi petas vian helpon, ĉar la perkarta hejma retkonektado kostas po du eŭrojn hore, kaj mankas al mi libera tempo por iri al retkafejo. En la grupo membras 147 homoj! Tio estas mia unua sperto kaj mi atendas ilian reagon. Mi ŝatas aparte danki Julien Randrianarisoa, kiu zorgas pri la plibeligo de la paĝo.

Esperante ke mia alvoko ne restos vana, ĝisas vin

*Henriel Fidilalao*

- **Dramo en Kongolando**

La 5-an de julio la konga ŝtatestro Jozefo Kabila Kabange dekretis dutagan nacian funebron, pro forpaso de 235 personoj en eksplodo de cisterno-kamiono en la vilaĝo Sange. La akcidento estis anoncita de la registara informisto Lambert Mende. Plimulto de la mortintoj forbrulis vivaj en la eksplodo, kiu okazis en vendredo la 2-a de julio, fine de la tago je la 18-a horo en la provinco sud-Kivu, oriente en la lando. Ĉiuj viktimoj, inter kiuj sesdeko da infanoj kaj trideko da virinoj, estis enterigitaj en tri amastombejojn.

La eksplodo estigis ankaŭ ducent vunditojn, inter kiuj estis grave vunditaj personoj. Lundon post la dimanĉa dekreto, la ŝtatestro Kabila Kabange vizitis la dramlokon.

Sange estas vilaĝo inter Bukavu kaj Uvira; ambaŭflanke de tiu vilaĝo trairas strateto pavimita de Uvira al Kamanyola. Ne ekzistas elektra kurento en tiu vilaĝo, kaj multaj domoj estas kovritaj per pajlo. La vivkondiĉoj en Sange estas neelteneblaj, kaj mankas tie bona malasanulejo. La loka popolo interesiĝas pri terkulturo, do multaj ne studis kaj ne scias la danĝeron kaŭzatan de benzino. Pro nesufiĉa edukado de la enloĝantaro, homoj alproksimiĝis al la kamiono malgraŭ la averto de la ŝoforo, por eltiri benzinon kiu elfluis. La flamo sekvis la spuron de personoj ĉien kien ili iris kaj forbruligis ilin.

Kio vundas, tio estas la fakto ke la vunditoj estas enhospitaligitaj en Sange en neekipita malsanejo. Laŭ informo de radio-elsendejo, kuracisto grumblis pro manko de medikamentoj. [...]

*Birindwa Mushosi*

- **Taŭga strategio por Afriko**

Kelkaj membroj de grupeto da samkontinentanoj miaj, kiuj apogas la postulon pri "sendependiĝo" de la afrika Esperanto-movado, jam reagis al mia antaŭa letero. Tiuj kolegoj kondamnis min pro miaj asertoj, faris akuzaĉojn kontraŭ mi, kaj eĉ minacis min pri "akraj reagoj" se mi plu skribos. Tamen, tio tute ne senkuraĝigas min, kaj miajn opiniojn mi estontece ĉiam ja esprimos, laŭ la eblecoj.

1. NI NE PENSU RASISME

Kelkaj el tiuj, kiuj apogas la postulon pri "sendependiĝo" de la afrika Esperanto-movado akuzis, ke tiuj afrikanoj, kiuj tiun postulon ne apogas, estas "eternaj subuloj de blankuloj". Mi ege bedaŭras

tian sintenon de samkontinentanoj miaj, kaj ege miras, ke eĉ en la Esperanto-movado oni tiel pensas, ĉar tia sinteno ververe kontraŭstaras al la interna ideo de Esperanto. Mia konsilo estas, ke ni ne pensu rasisme, ke oni ne parolu pri "nigruloj" en Afriko kontraŭ "blankuloj" en Eŭropo. Cetere, mi deziras rimarkigi al miaj karaj samkontinentanoj, ke ne ĉiuj afrikanoj estas nigruloj; do ne ĉiuj afrikaj esperantistoj estas nigruloj. Ekzemple, mia propra avo estas blankulo; pluraj esperantistoj en Zimbabvo kaj Sud-Afriko estas blankuloj, aŭ ne indiĝenoj; en la nordafrika regiono estas multegaj esperantistoj kiuj ja ne estas nigraj. Krome estas notinde, ke Esperanto familiigas la tutan homaron, kaj ni do konsideru unuj la aliajn simple kiel membrojn de la sama familio, kaj ne kiel "nigrulojn" kaj "blankulojn" kun malsamaj politikaj celoj; ĉar ĉiuj esperantistoj, ĉu nigraj, ĉu blankaj, ĉu alirasaj, havas nur unu, saman politikan celon, kaj tio estas la antaŭenigo de la Esperanto-agado en la tuta mondo.

## 2. LA AFRIKA OFICEJO DE ESPERANTO ESTAS TUT-AFRIKA PROPRAĴO

Antaŭ ĉio, mi dankas kaj gratulas kolegon Hans Bakker, pro liaj kontribuoj al la instruado, lernado kaj aplikado de Esperanto en Afriko. Dum multegaj jaroj li investis proprajn rimedojn en la Esperanto-agadon en Afriko, kaj eĉ private helpis unuopajn esperantistojn. Enkadre de siaj laboroj helpaj al la afrika Esperanto-agado, s-ro Bakker pretigis kaj dissendadis lernomaterialojn kaj legaĵojn, interalie al esperantistoj kaj al Esperanto-kluboj/asocioj en la kontinento.

Post kelkaj jaroj s-ro Bakker ekpensis, ke liajn laborojn transprenu afrikanoj, kaj tion li proponis al afrikanoj, kun kiuj li estis en oftaj kontaktoj: la togolandanoj Gbeglo Koffi kaj ĉi ties kolegoj. Ĉi-rilate, mi ion emfazu:

Mi fortege kredas, ke proponante transprenon de la laboroj, la kara kolego Hans Bakker ne celis, ke la laborojn de li iniciatitajn porĉiame transprenu nepre tiuj togolandanoj, sed esence afrikanoj. Tio estas, ke, kiam ekaperis la ideo pri eventuala transpreno de tiuj laboroj, li tiun ideon proponis al togolandanoj, ĉar kun togolandanoj li tiam rekte rilatadis. Sed, kompreneble, tiujn laborojn transprenus tiuj togolandanoj ne pro tio, ke ili estas togolandanoj, sed pli bone pro tio, ke ili estas afrikanoj. Nu, mi tiujn togolandajn kolegojn ja ege respektas; tamen, ili neniel pensu aŭ kredu, ke nur ili rajtas plenumi tiujn taskojn por Afriko.

La samideano Hans Bakker donacis siajn tempon kaj rimedojn, pro Esperanto, por Afriko. La rezultatoj de la personaj oferoj de s-ro Bakker pro tio ne apartenas al iu unuopulo, loka klubo aŭ difinita lando en Afriko, sed al la tuta Afriko.

La Afrika Oficejo de Esperanto ne estas do togolanda propraĵo; ĝi ne estas privata firmao; ĝi ja estas tut-afrika propraĵo. Dum iu periodo ĝi situis en Togolando, sed tio neniel komprenigu, ke ĝi devos porĉiame tie situi. Kiam la Afrika Oficejo situis en Togolando, la tieanoj havis eblon labori por Esperanto, por Afriko; ili gajnis spertojn pri tiurilataj taskoj, kaj tio estas laŭdenda. UEA jam translokis la Afrikan Oficejon, kaj ĉi-momente ĝi funkcias en Benino. Tamen, miaopinie, post kelke da tempo la Afrika Oficejo devas ja translokiĝi al ankoraŭ alia afrika lando, laŭ la ebloj, por havigi al loĝantoj ankaŭ de tiu alia lando la eblon labori por Esperanto kaj por Afriko, kaj por gajni spertojn pri tiurilataj taskoj. Pro tio, la Afrika Oficejo fakte devos do eventuale translokiĝi tra la tuta afrika kontinento, por ke ĉiuj afrikaj esperantistoj havu eblon labori por Esperanto kaj por sia kontinento. Estus do egoisme postuli, ke la Afrika Oficejo situu en nur unu difinita lando.

Krome, gastigo de la Afrika Oficejo en kiu ajn lando havigas profitojn plurajn al la gastiganta lando: situo de la Afrika Oficejo en iu lando ebligas progresigon pli rapidan kaj pli vastan al la Esperanto-movado en tiu lando, kaj oni devas do permesi, ke ĉiuj landoj afrikaj eventuale ricevu tian eblon.

### 3. PRI LA VERA RILATO INTER LA AFRIKA ESPERANTO-MOVADO KAJ UEA

De antaŭ kelkaj jaroj, mia samkontinenta kolego Gbeglo Koffi paroladas pri "Esperantujismo". Tamen, tiun termon mi deziras alĝustigi. La planedo (Tero) nek estas "ujo", nek aspektas kiel "ujo". La tuton de unuopaj esperantistoj tra la tuta mondo, lokajn Esperanto-klubojn, landajn Esperanto-asociojn, Esperanto-gazetojn , kontinentajn Esperanto-asociojn, internaciajn Esperanto-organizaĵojn kaj ceterajn Esperanto-instancojn oni pli bone nomas "Esperantio" anstataŭ "Esperantujo".

Ĉiujare, la civitanoj de la internacia komunumo "Esperantio" kunvenas kaj partoprenas semajnon da kunvivado, kaj ĝuas sian Esperanto-kulturon. Temas pri la fenomeno Universala Kongreso de Esperanto; tion kunordigas la tutmonda Esperanto-organizaĵo Universala Esperanto-Asocio (UEA), kies ĉefa rolo estas kunordigi kaj prirespondeci instruadon kaj aplikadon de Esperanto en la tuta mondo, cele al pligrandigo kaj plivastigo de Esperantio. Pro tio ĉi mi diris, en mia antaŭa letero, ke la afrika Esperanto-movado daŭre restas parto de la tutmonda Esperanto-organizaĵo UEA, ĉar Afriko nature apartenas al Esperantio.

Oni ankaŭ memoru, ke enkadre de UEA ekzistas la tiel nomata Akademio de Esperanto, kies rolo estas la teknika kontrolado de la lingvo Esperanto, kaj kiu respondecas pri la enkonduko de novaj vortoj en Esperanton. Pro tio ĉi, interalie, mi asertis kaj daŭre asertas, ke la afrika Esperanto-movado ne povas "sendependiĝi" de UEA. [La Akademio estas sendependa institucio. –*Red.*]

Sekve, anstataŭ projekton por "sendependiĝo" aŭ "memstarigo" de Afriko, afrikaj esperantistoj pli bone lanĉu projekton por plifortigo de rilatoj inter Afriko kaj UEA, ĉar Afriko estas ja parto el Esperantio. Tiuj, kiuj apogas tiun kampanjon por sendependiĝo asertas, ke tiun memstarigon ili celas "pro respekto kaj honoro por Afriko". Sed mi argumentas, ke, se respekton por Afriko oni ververe kaj sincere celas, do afrikaj esperantistoj pli bone lanĉu kampanjon por ke afrikano estu elektita prezidanto de UEA. Tiel, afrikano estrus (regus) ne nur la apartan afrikan parton de Esperantio, sed la tutan grandegan Esperantion. Tiel, vere montriĝos, ke ankaŭ afrikanoj kapablas; kaj tiam oni ja vere respektos Afrikon.

Jen la plej taŭga strategio, en kiun vere indas investi ĉiujn niajn fortojn kaj haveblajn rimedojn.

Ĉion bonegan al ĉiuj civitanoj de Esperantio plej amikece deziras

*Oliver Mazodze*

**Oliver Mazodze** (1966-2010), delegito en Harare (Zimbabvo) mortis la 15-an de majo dum vojaĝo en Sud-Afriko. Li lernis Esperanton en Kubo kiel universitata studento en 1989. La postan jaron li diplomiĝis kiel Cseh-instruisto en la ILEI-konferenco en Hanabanilla kaj partoprenis ankaŭ la 75-an UK en Havano. Poste li instruis la lingvon en la Insulo de Junularo kaj kunlaboris kun Kuba E-Asocio. Reveninte hejmen li fondis Zimbabvan E-Instituton, kiu dum multaj jaroj okazigis kursojn en Zimbabvo, i.a. oficialan kurson por instruistoj sub ministeriaj aŭspicioj en 1996. Li instruis ankaŭ en najbaraj afrikaj landoj kaj en la Aŭstralia Somera E-Lernejo en Adelajdo en 2005. Ekde 2006 li estis membro de la Internacia Ekzamena Komisiono de UEA kaj ILEI. (nekrologo el la revuo *Esperanto*, julio-aŭgusto 2010, p. 166)

**************************************************************************

Komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bv. sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com, aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, BP. 416 Lokossa-Mono, Benino**
**tel./fakso: +229 224 10 229**

**************************************************************************